# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • MAJO 1950 • NUMERO 5


## Al niaj fratoj Slovakoj

Ne dividas nin la altaj montoj
— kio estas por ni Karpatoj?! —
ĉar transmontaj ja ekzistas pontoj
inter polaj kaj slovakaj fratoj.

Kredo nia estas ja la sama,
sama estas ankaŭ nia sorto,
ĉar nin ligas forta frata amo
je la vivo kaj eĉ je la morto.

Kiu povas havi ian dubon,
ke en nia pola Vistulo
kaj en via blua Danubo
ĉiel' sama havas spegulon?

Ho, Slovakoj, niaj fratoj karaj,
tenu kune niaj frataj manoj!
Vivu ĉiam nia amikeco!
Vivu veraj gesamideanoj!

Władisław Dańda.

---

SALUTON AL LA

## VIII-A TUTŜTATA KONGRESO

DE ĈEĤOSLOVAKAJ ESPERANTISTOJ EN BRNO

27.—29. V. 1950!

# Kio okazas en ĈSR

## ESPERANTON EN LA SINDIKATOJN

Rapida progreso kaj evoluo de kultura vivo inter niaj laboristoj en ĉiuj entreprenoj aktualiĝas jam la problemon kaj taskon enkonduki Esperanton inter niajn laboristojn en unuopaj entreprenoj kaj fabrikoj. La ĝisnuna organiza sistemo de nia esperantista movado en lokaj grupoj jam ne sufiĉas. Elfunde ŝanĝiĝis — aŭ almenaŭ devis ŝanĝiĝi — la ĝisnuna opinio, ke esperantistoj estas membroj de iu tutmonda organizo, kunliganta kiujn ajn homojn, nur se ili parolas aŭ lernas Esperanton, kun la fina celo krei finfine ian „esperantistan supernacion" en iu „tutmonda superŝtato". Jam ekzistas eĉ esperantista organizo, kiu sufiĉe klare formulis sian celon tiusence, ekzemple SAT. Eĉ nevolinte oni do formulis specialan esperantistan „mondrigardon", kiu vole-nevole enhavas jam almenaŭ fundamentojn de iu speciala „esperantista politika doktrino", nomebla per unu vorto: „kosmopolitismo". Ni ne estas kosmopolitoj!

Kiel dirite, por ni elstaris la problemo kaj tasko enkonduki Esperanton inter niajn laboristojn. La kaŭzo ne estas nur kreskanta vigliĝado de kultura vivo en niaj entreprenoj, preparanta taŭgan bazon por la enkonduko de Esperanto inter laboristojn. Multe pli grava kaŭzo konsistas en tio, ke per la starigo de esperantista movado sur laboristan bazon ni evitas danĝeron de kosmopolitisma tendenco en nia esperantista movado. Nia celo estas internacia solidareco de progresemaj homoj en la tuta mondo kaj Esperanton ni volas uzi por plifirmigo kaj disvastigo de tiu internacia solidareco. Ni do ne estas kaj ne volas esti „sennaciuloj", sed „internaciuloj"; ni ne kunlaboras kaj ne volas kunlabori kun kiu ajn homo, nur ĉar li estas esperantisto! Nia ĉefa kaj unusola demando ne estas nur „Ĉu vi estas esperantisto?", sed „Por kiu celo vi uzas kaj volas uzi Esperanton?" . . . En esperantistaj kunvenoj oni ofte aŭdis: „ni ne demandas pri nacieco, pri religio, pri politika rigardo ktp., ĉiuj estas fratoj . . .". Jen kosmopolitismo! Ne estas vero, ke ni ĉiuj estas fratoj, ke ni ne demandas pri mondrigardoj de esperantistoj! Ni ne povas esti fratoj kun faŝistaj esperantistoj, kun imperialistoj kaj similaj uloj, eĉ se ili ĉiuj bonege parolas Esperante. Ni ne timu akuzon, ke ni volas uzi Esperanton por politikaj celoj, ĉar tio ne estas akuzo,

tio ne estas io riproĉinda. Ĉiu esperantisto en la mondo uzas Esperanton por politikaj celoj, eĉ se li tion ne diras, ja eĉ se li tion neas!

La uzo de Esperanto por politikaj celoj estas do nepra, ĉar ĝi estas tute natura. Estas grave kiel, kaj por kia politiko oni ĝin uzas. Kaj por ke ni ĝuste uzu Esperanton politike, estas necese starigi ĝin sur ĝustan bazon en ĝusta loko. Ĉi tion ni certigos per enkonduko de Esperanto inter laboristojn en entreprenaj kluboj de Revolucia Sindikata Movado (ZK—ROH). Nia celo de ĉi tiu enkonduko estas: doni al niaj laboristoj ilon por plifirmigado kaj disvastigado de internacia laborista solidareco.

*I. Z.*

# Alvoko de ĉinaj esperantistoj!

En la unua numero de „Popola mondo“, monata organo de refondita Ŝanhaja Esperantista Ligo, estas publikigita jena alvoko de ĉinaj demokrataj esperantistoj al la tutmonda esperantistaro:

„Per la eldono de ĉi tiu modesta gazeto „Popola Mondo“, ni, Ŝanhajaj esperantistoj el la tuta koro deziras reakiri intiman kontakton kun niaj tutmondaj fratoj. Foriĝis por ĉiam la malbenita feŭd-faŝista Kuomintanreĝimo kaj fondiĝis jam la Ĉina Popola Respubliko. Ĉio rekomenciĝas en nova popola Ĉinio. Ankaŭ ni esperantistoj rekomencis labori sur nia posteno. La popola registaro tre favore sin tenas al nia afero kaj antaŭ ni malfermiĝas senprecedente vastaj perspektivoj, tamen ankaŭ nia granda malfacilo — manko de sufiĉe da laborantoj, manko de Esperantaj libroj kaj gazetoj kaj manko de interligo kun nia internacia frataro. Tial ni turnas nin al vi kun jenaj petoj:

1. Bonvolu sendi kaj sendigi amase salutleterojn individuajn aŭ kolektivajn al la ĉina popolo, al la Ĉina Popola Liberiga Armeo aŭ al la Centra Popola Registaro, pro ties granda venko en la popola revolucio kaj pro la fondigo de la Ĉina Popola Respubliko. Ĉiun ricevotan leteron ni bone utiligos, ĝin publikigos en ĉina ĵurnalo aŭ gazeto, aŭ transdonos al kiu ajn organizo laŭ via deziro.

2. Bonvolu esti peranto kaj organizanto de la kolektiva korespondo inter vialandaj amasorganizoj kaj la nialandaj. Ni volonte akceptos ĉiun proponon de kolektiva korespondo kaj nepre plenumos vian deziron.

3. Bonvolu liveri al ni validajn adresojn de esperantistoj de viaj konatoj, al kiuj ni laŭeble sendos nian gazeton kaj eble ankaŭ aliajn Esperantajn eldonaĵojn.

4. Bonvolu sendi al ni viajn gazetojn kaj librojn, kaj ni sendos interŝanĝe la niajn. Ĉiun ricevotan gazeton kaj libron ni recenzos en nia gazeto.

5. Bonvolu skribi al ni kion vi plej volas scii pri la nova popola Ĉinio. Sendu al ni demandojn, al kiuj ni volonte respondos per letero aŭ sur la paĝoj de tiu ĉi gazeto.

Ĉion sendu al ni laŭ la jena adreso: *Ŝanhaja Esperantista Ligo,* P. O. Box, SHANGHAI, Ĉinio.

# V. I. Lenin

„Lenin, la plej granda el la farantoj de la historio kaj ĉiurilate la plej pura homo. Homo, krom kiu neniu faris por la homaro tiom, kiel li.“ Tion diris pri Lenin la fama franca verkisto Henri Barbusse.

Vladimír Iljič Lenin naskiĝis la 27-an de aprilo 1870 en Simbirsk. Li estis eminenta studento, sed pro partopreno en studentaj tumultoj oni lin forigis el la universitato de Kazaň. Li daŭrigis siajn studojn private. Enprofundiĝinte en la verkojn de Marks li estis tiel kaptita de la forto de liaj ideoj, ke li decidiĝis sekvi ĝismorte Markson kaj lian instruon.

En 1893 li revenis al Petersburgo kaj laboris en marksistaj rondetoj. Subite li vekis atenton per sia libro „Kiuj estas la amikoj de la popolo“; en ĝi li instigas al revolucio. Pro la libro li estis arestita por du jaroj. Tamen eĉ en malliberejo li daŭrigis skribadon de broŝuroj pri striko. En 1897 li estis ekzilita Siberion. Tie ĉi li pripensis kaj fiksis la planon de revolucia partio kaj de ĝia programo.

En 1900 Lenin revenis el ekzilo kaj fondis revolucian gazeton „La Fajrero“, sed tuj li devis iri en ekzilon denove. La influo de „La Fajrero“ kreskis kaj en 1901 en Rusujo okazis nombraj strikoj. En 1903 Lenin partoprenis kongreson de socialdemokrata partio en Londono, kie li batalis por la revolucia karaktero de la partio. Jaron poste li publikis la libron „Paŝon antaŭen — du paŝojn malantaŭen“, en kiu li esprimis sian kredon kaj konfidon je proletaj masoj.

La rusa-japana milito montris la malfortecon de la reĝimo. La 9-a de jan. 1905, kiam ribeliĝis la maristoj sur la kirasŝipo „Potemkin“ estas komenco de la rusa revolucio. En tiu jaro aperis nova gazeto „La Proleto“, al kiu Lenin ankaŭ kontribuis. En 1907 Lenin denove iris eksterlanden. En 1912 li ĉeestis la kongreson de la partio en Praha, kie estis konstruita la bazo de partio de nova tipo, de partio bolŝevika, Lenina.

La 16-an de aprilo 1917 Lenin revenis Rusujon kaj estis entuziasme akceptita de la laboristoj en Leningrad. Sed li devis vivi kaŝe ĝis la 25-a de oktobro (7-a de nov.) 1917, kiam li komencigis armitan ribelon por forigo de la burĝeca registaro. Sovetoj (naciaj konsilantaroj) transprenis la regpotencon. Lenin fariĝis prezidanto de la sovetoj. Li kun ega energio aktivis ĉie, li mankis nenie, li havis por ĉiu kuraĝigan kaj

konsilan vorton. Per sia personeco li gajnis la masojn. Li propagandis, vekigadis, edukadis, ĝis la laboranta popolo en Ruslando ekkomprenis. La Ruĝa Armeo venkis sur la batalkampoj, la laboristoj venkis sur la fronto de laboro.

En 1919 li estis pafvundita de atentatulino kaj devis kuraci sin, sed jam la saman jaron li partoprenis la kongreson de la III-a internacio kaj la VIII-an kongreson de la TKP(b). Li denove laboris ĝis elĉerpiĝo. En 1920 la partio festis la kvindekan datrevenon de lia naskiĝo. Sed en 1922 lia sanstato malboniĝis; lia vivo estis jam en danĝero.

Li mortis la 21-an de januaro 1924. La 27-an de jan. lia korpo estis metita en mauzoleon sur la Ruĝa Placo. Tien venas la laboristoj el tutmondo por honori la grandan genion — Vladimir Iljiĉ Lenin. R.

# Kion havas en maneto . . .?

Slovaka popolkanto.

*Allegretto.*

mf

Ki - on ha - vas en ma - ne - to

mf

vi, ĉar - me - ga knabi - ne - to?

mp

„Ro - zon por vi, ho fraŭ - le - to,

mi ĝin tro - vis sur vo - je - to.

2. Knabineto kristalblanka,
al vi sole edzo mankas;
al mi mankas edzineto —
estu mia, knabineto!

3. Knabinet', anĝelo vere,
ĉu mi trovos vin vespere?
„Sub pomarbo sur benketo
sidos mi en ĝardeneto.“

Tradukis *J. V. Dolinský.*

*Jozef Gregor-Tajovský:*

# *Por aĉeti panon...*

*Eĉ se oni sidas super sekaj ciferoj ĉe la kontorista tablo, oni iam — tiam travivas iomete da ĝojo. Ĉar ja ni en la banko konas nek parencojn, nek amikojn kaj homojn ĝenarale — por ni ekzistas nur kampoj, domoj, brutaro kaj alia havaĵo. Sed tamen kelkfoje eĉ la plej severaj indiferentuloj ne kapablas sufoki en si pli noblajn sentojn kaj tiam mi ĝojas, ke „ĉi-foje" ni denove faris bonan agon, ke ni helpis al iu el la popolo — ĉar ni ja estas „Popola Banko"!*

*Tiel okazis antaŭ kelkaj tagoj.*

*Estas vintro, la infanoj de la malriĉa loĝantaro jam formanĝis ĉion, kion la gepatroj sukcesis akiri por la provizejo. En nian bankon komencas venadi homoj kun 10-, 20-, 30-kronaj „porpanaj" kambioj. Lastan lundon venis tri tiaj. Pri unu el ili mi rakontos al vi.*

*Jam antaŭ tri tagoj alportis iu juna, sed tamen mizeraspekta viro kambion kaj postulis je ĝi 30 kronojn. Mi enskribis ĝin en la libron kaj prezentis ĝin al la direktoro.*

*„Mi petas, se estus eble ... iomete da mono ... Por aĉeti panon ..," komencis la viro, certe timante, ke li malsukcesos same kiel en tiu banko, kie la kambio estis elskribita. Tion ni jam konas laŭ la skribo.*

*La ĉiam okupata direktoro, kvazaŭ li ne aŭdus, kion la viro diras, prenas la kambion kaj demandas:*

*„Kiu subskribis ĝin ...?"*

*„Bofrato", respondas la viro.*

*„Kaj la alia kiu estas?"*

*„Kuzo."*

*„Kaj kion vi havas, ĉu domon aŭ kampon?"*

*„Mi ... mi petas ... ni loĝas nur en subluo .., kaj kampon ni ne havas."*

*La direktoro serioziĝas kaj pensas: „Kiel ci volas ricevi prunton, se ci ne havas je kio," kaj li demandas pri la havaĵo de la bofrato.*

*„Eĉ li ne havas ion, li estas taglaboristo."*

*La direktoro rektiĝas sur la seĝo kaj demandas pri la tria.*

*„Tiu havas dometon."*

*„Kie?"*

*„Ĉe la vilaĝfino, malantaŭ la linmaceraj kavoj.“*

*„Ho jes,“ pensas la direktoro, „tian, kiu valoras cent guldenojn kaj estas jam ŝarĝita per ducent-guldena ŝuldo.“*

*„Mi ne povas doni al vi prunton. Subskribigu la kambion de iu, kiu havas kampojn, domon —“ kaj la direktoro notas sur la kambio, ke „ne“, neakceptita.*

*„Vi ja povis doni al mi ... kie mi trovos tian, kiu subskribos al mi ...?“*

*„Mi ne povas,“ respondas la direktoro redonante la kambion, kies skribo montras, ke ĝi estis elskribita en la „juda“ banko, kaj do la viro jam prezentis ĝin tie, sed ricevinte nenion, venis al ni. La samon pensis ankaŭ la kompatindulo, forirante malserenmiene el nia „popola“ banko.*

*Post du-tri tagoj li venis denove. Per sia malrapida irmaniero, per sia vizaĝo kaj parolmaniero li tiel impresis min la unuan fojon, ke mi tuj rekonis lin.*

*„Ĉu nova prunto?“ mi demandas, ŝajnigante, ke mi lin jam forgesis. Mi sidigas la homon kaj rigardas la kambion por vidi, kies subskribo estis ankoraŭ aldonita. Sed sur ĝi troviĝas nur la iamaj subskriboj. Mi prezentas ĝin al la cenzoroj.*

*„Venu ĉi tien, vi ...“ ili vokas lin al la tablo, ĉe kiu hodiaŭ sidas pli multaj prijuĝantoj de kambioj, ĉar ja estas tago de novaj pruntoj.*

*„Estis al vi dirite,“ ili montras al li la konatan lokon, „ke tie ĉi ... jen ... subskribigu de iu tia, kiu havas kampon aŭ domon.“*

*Ni ĉiuj rigardas la homon, scivolaj, kion li respondos al la direktoro.*

*„Neniu volas subskribi ... ke mi estas malsana ... kaj ke mi nenion havas, ke mi eĉ morti povas. Sed mi jam fartas pli bone. Mi fartis ege malbone, rigardu, kia mi eĉ hodiaŭ estas ... Depost aŭtuno malsana je okuloj, preskaŭ blinda, mi ne povis eliri el la ĉambro. Sed nun ni havas nenion por manĝi, mi jam volas iri labori ... Por la mono mi volis aĉeti panon por la edzino kaj la infanoj, ĝis kiam mi denove ion perlaboros ... Mi ja repagos ĉion honeste po krono, po du ... Nur ne igu min iri almozpeti ... ĉar al mi apenaŭ restas io alia ...“ li diris malespere kaj forviŝis de sia flava, pendanta barbo larmon, grandan kiel pizo.*

*Ni ĉiuj eksilentis kaj alrigardis unu la alian hontigitaj. La direktoro ekkomprenis. En la ekestinta silento aŭdiĝis knaro de plumo. La direktoro trastrekis sian propran „ne“, skribis „jes“ kaj aldonis sian subskri-*

*bon. Lian ekzemplom sekvis senvorte la ceteraj anoj de la estraro. Mi apenaŭ povis kredi. Ĉu ĝin kaŭzis tiu larmo . . .?*

*Mi forkuris kun la kambio kaj preparis ĝin por transpago. En mia kapo svarmis demandoj, kiujn mi intencis doni al la kompatindulo, sed mi lin demandis pri nenio — kaj tamen mi sentis kun li silentan ĝojon, ke hodiaŭ liaj edzino kaj infanoj denove havos pecon da pano. Al la infanoj venos vizite la infanoj de la najbaro, post ili venos ilia patrino kaj la patro. La edzino detranĉos pecon da pano, prezentos ankaŭ al ili kaj ili ĉiuj gaje manĝos, nesciante, ke la pano estas sala de tiu granda larmo de la malsana, mizera viro kaj edzo, kiu dume kun granda senpacienco kaj zorgemo preparas sian pendsakon kaj laborveston, kaj kiu kun ĝojtremo rakontas al ĉiu, ke matene li denove iros en la fabrikon, en la „kanaban", kie li antaŭ duonjaro preskaŭ sufokiĝis kaj blindiĝis. Sed pri tio li jam forgesis, apenaŭ lia sanstato estis iom pliboniĝinta.*

*La najbarino demandas, ĉu li denove nur tien iros.*

*„Kaj kien . . .? Ja ne ekzistas alia fabriko ĉe ni."*

*„Sed se vi denove malsaniĝos . . ." zorgas la edzino.*

*„Nun mi jam estas hardita, foje trasuferinte la malsanon . . . Kaj necesas manĝi kaj repagadi la prunton . . ."*

*Kaj la bankdirektoroj pensos ĝis kompleta repago de la prunto, ke ili tiam faris — agon de hom-amo.*

*(El la skizaro „El sub la falĉilo".)*

*El la slovaka tradukis Eduard V. Tvarožek.*

*Št. R. Seemann:*

# Ho printemp' belega . . .

La naturo juna, helverde vestita
festas renaskiĝon de suk' plenigita.
Per radioj oraj nin varmigas suno,
dum vesper' arĝente brilridetas luno.

La printemp' alvenis! Floroj bonodoras,
kaj eretoj horaj amplenaj flugforas.
Birdoj ĥorsalutas per la bek' kantanta:
„Ho, printemp' belega, estu bonvenanta!"

*Št. R. S.:*

# Slovakaj proverboj

## Pri vestaĵoj. (Odev.)

1. Homon kreas la vestaĵo, pedikojn la ĉifonaĵo.
   (Šaty robia človeka, handry vši.)
2. Kiu nur posedas solan pantalonon, tiu ne bezonas havi pri elekto zorgon. (Kto má len jedny nohavice, zavše vie, ktoré si má vziať.)
3. Eĉ sub la ĉifona vesto povas loki saĝecnesto.
   (I pod roztrhanou halenou sa múdry parobok nájde.)
4. Eĉ balailo bele aspektas, se oni ĝin bele ornamas kaj vestas.
   (I metla je pekná, keď ju pristroja.)
5. Neniu vidas, kion vi trinkis kaj manĝis, sed ĉiu, kiel vi vian veston aranĝis. (Nikto nevidí, čo zješ, čo vypiješ, ale vidí, ako sa šatíš.)

## Pri dormo. (O spaní.)

1. Kiu dormas, tiu ne pekas.
   (Kto spí, ten nehreší.)
2. Kie la vulpo dormetas, tie la koko en danĝero estas.
   (Kde líška drieme, nech sa má kohút na pozore.)
3. Eĉ homo la plej mulriĉa, povas esti dum sonĝo feliĉa.
   (Aj najchudobnejší človek môže byť vo sne šťastlivý.
4. Je la naŭa enlitiĝu, je la kvina ellitiĝu.
   (O deviatej spať, o piatej vstať.)
5. Dormanta kato ne estas danĝera al rato.
   (Spiaca mačka ešte nikdy myši nechytila.)
6. Muelisto tuj vekiĝas, se la rado ne turniĝas.
   (Mlynár sa hneď prebudí, keď mu mlyn zastane.)
7. Kutime kato sonĝas pri rato.
   (Mačke sa o myšiach sníva.)
8. Zorgoj forpelas la sonĝojn.
   (Starosti sny zaháňajú.)
9. Kiu pri nenio zorgas, tiu certe dolĉe dormas.
   (Kto nemá starosti, ten sladko spí.)
10. Kiu sobre vespermanĝas, dolĉan dormon sin aranĝas.
    (Keď chceš spať sladko, večeraj krátko.)

# Jozef Gregor Tajovský

(1874—1940)

Jozef Gregor Tajovský estis unu el la elstaraj personoj de nia pli maljuna verkista generacio. Li mortis la 20-an de majo 1940. Hodiaŭ, post 10 jaroj ni rememoras pri lia vivo kaj lia verko kiel pri vivo kaj verko de vera demokrato. Ja ni povas diri, ke nur la hodiaŭo malkaŝas al ni ĉiujn ĝiajn kvalitojn.

Tajovský estas en sia tuta vivo kaj verko intime kunkreskinta kun la vastaj popoltavoloj kaj ilia lukto pri iliaj civitanaj rajtoj. Tuta lia vivoverko montras lian patrecan intereson pri morala kaj sociala sorto de la nacio.

En sia prozo Tajovský kun granda amo pentras la vivosorton de etsignifaj homoj. Li volis montri al sia amata popolo novajn vojojn, novajn celojn. Li ne plu celis al la iama patriarkeca vivo, sed per plifortigado de la terkulturistaro en la slovaka vilaĝo kaj per plifortigado de la pozicio de metiistaro kaj inteligentularo li volis konduki sian popolon al memstareco en la tiama societo. Lia tuta vivoverko estas intíme ligita kun la movado, kiu celis klerigan laboron inter la popolo kaj ekonomian progresigon de la malriĉa terkulturistaro, ke ĝi povu sin defendi kontraŭ la feŭdulaj kaj kapitalistaj ekspluatantoj.

Liaj prozaj kaj dramaj verkoj montras, ke li estas kritika realisto. En ili li prezentas al ni ne nur memstarajn terkulturistojn kaj inteligentulojn, sed li akcentas ankaŭ la klasajn diferencojn en la vilaĝo; li diferencigas la riĉajn terposedantojn de la mizeruloj kaj vidas jam ankaŭ la sorton de la juna laborista klaso slovaka. La tuta verko de Tajovský ja estas akuzo kontraŭ la malnova sistemo kiu ebligadis abruptajn socialajn ekstremojn.

La verkoj de Tajovský estis spegulo, en kiu li montradis al la ordinaraj popolanoj iliajn malvirtojn kaj mankojn. Sed li neniam forgesis teni la saman spegulon ankaŭ antaŭ la vizaĝoj de tiuj, kiuj pretendis por si la gvidadon de la popolo kaj kiuj deklaradis sin patriotoj kaj popol-amantoj.

Tajovský mem profunde amis la mizer-prematojn. Li estis ankaŭ vera patrioto. Li batalis laŭ sia konvinko por la fina liberigo de la nacio, kiu venis en 1918, kiam Slovakio kuniĝis kun la ĉeĥaj landoj en komuna ŝtato. Sed lia patriotismo ne estis bazita sur ŝovinismo, ĉar li

sciis, ke ĉiu ŝovinismo nur helpas al la reganta klaso maski ĝiajn eksplu-atistajn intencojn. Tajovský malŝatis fremdnaciajn feŭdalojn, sed li egale malŝatis ĉiun, kiu renegate perfidis sian nacion kaj servaĉis al fremda reganta klaso.

En sia verkaro Tajovský senfine homece rigardas la bonajn kaj mal-bonajn ecojn de slovaka homo. Eĉ liaj riproĉaj vortoj estas afabla ka-reso kaj instruo. En la fono de ĉiu mizero, kiun li vidis en la slovaka vilaĝo, li vidis jam konturiĝi ŝanĝon de sociaj cirkonstancoj favore al la malsupraj popoltavoloj. Lia verkaro estas optimisma kaj konstruiga, ĉar ĝi intencis konduki al pli bona vivo tiujn, kiujn ĝi prezentis. Same kiel lia prozo, kies kerno estas rakontoj, noveloj kaj skizoj, ankŭ liaj dramaj verkoj estas homece varmaj kaj amoplenaj, kaj plenaj de la sama vivo kaj optimismo. En la komedio „Virina leĝo“ li montras kiom kulpas la gepatroj, kiuj pro materialaj interesoj malfavoras la amon de junaj geamantoj. Tajovský ne permesas, ke la geamantoj ne fariĝu feli-ĉaj, kaj tial li donas al la teatraĵo feliĉan finon. Tiu ĉi fino efektive instruadis homojn ne fari erarojn, kiujn ili vidis en la teatraĵo. En cete-raj siaj dramoj li kvazaŭ estus disvolvanta en dialogoj la vivon, skizitan jam en lia prozo. Li volas plibonigi kaj plibeligi la vivon, li volas fari la homojn bonaj kaj virtaj, — koncize dirite: Tajovský servis al sia popolo.

Hodiaŭ ni valortaksas la vivoverkon de Tajovský kiel esprimon de slovaka nacia kulturo, intime ligita kun la vivo. Ĝi ne estis nur kritiko, sed ankaŭ fiksado de novaj ir-direktoj por lia generacio. Tial la verkaro de Tajovský ankaŭ hodiaŭ vivas kaj havas sian daŭran lokon en nia literaturo.

*K. Rozarbo.*

---

SOMERA ESPERANTO-KURSO en Karlovy Vary okazos ĉi-jare de la 8-a de julio ĝis la 20-a de aŭgusto:

8.—22. VII.: supera kurso.

23. VII.—5. VIII.: kurso por progre-sintoj.

6.—30. VIII.: kurso por laborista ju-nularo kaj studentoj.

Loĝado kaj manĝado en internato. Detalajn informojn petu de la sekretario de Esperanto-Klubo, Karlovy Vary.

SOMERA ESPERANTO-KURSO en Rožnov pod Radhoštěm okazos de la 15-a ĝis la 29-a de julio 1950.

La programo:

1. Kurso por komencantoj.
2. Kurso por progresintoj.
3. Supera kurso por kursgvidontoj.

Aliĝojn akceptas kaj informojn donas: s-anino *Marie Skařupová,* Ostrava I., Ul. 1. máje 104.

*I. Schoon*, Nederlando:

# Tour de France

(Konkursa biciklado tra Francujo.)

— Ĉi-jare oni veturis 3000 km., venontjare ili veturos 5000! — pensis Desgrange. — Krome ili faros „ĉirkaŭvojeton“ tra Hispanujo, Italujo kaj Elzaso! — Do, iun tagon en 1906, je la 5-a matene, forveturis 76 biciklistoj — la tutan nokton okazis grandega festo kun popolbalo, atendanta la startpafon . . .

La juna Emil Georget alvenis unua al la finpunkto, tuj sekvata de Passerieu kaj Trousselier. Francois Faber, dudekjara kolosulo, elŝipigisto, prenis sian ferion, kreditaĉetis biciklon kaj alvenis „pendante ĉe la malantaŭa rado de la famuloj“. Tio estis komenco de famega biciklista kariero . . . Ĉe la surveturo de la monto Ballon d' Alsace venkis denove Pottier kaj en Dijon li alvenis kiel unua, tri kvaronhorojn antaŭ la dua! Lia faro kaŭzis veran ĝojkriadon en la gazetaro: oni admiris lin kiel neniun antaŭ li . . . Trousselier (aŭ *Trou-Trou*, kiel oni nomis lin) ekinterbatalis en Bayonne kun Dortignacq, sed ili malantaŭenigis lin ĉe la klasifiko, ĉar li „ŝtelmaniere ŝanĝis sian biciklon“ kaj li forte protestis. Petit-Breton (nomata „la Argentinano“) profitis de tiu batalo kaj fulmrapide forveturis. Trou-Trou tamen unue senigis sin de Dortignacq kaj postflugis malantaŭ la Argentinano. Alvenante al Bordeaux ili pli ol unu horon kurantaŭis la aliajn. En Brest Trou-Trou havis nur unu poenton malpli ol Petit-Breton. En intervjuo li deklaris: — Bedaŭrinde, ne estas dek etapoj pli, alie mi venkus ĉiujn!“

En 1907 Desgrange projektis Tour de France, konsistantan el 14 etapoj (entute 5000 km). Tamen unu ne ĉeestis: René Pottier, la Montoreĝo de 1905, mortigis sin je la 25-a januaro 1907. Mankis ankaŭ Dortignacq, la batalkunulo de Trousselier. La intereson de la publiko vekis tri Italoj: Galetti, Pavesi kaj Ganna, ĵus venkinta la konkurson de Lombardio. En tiu Tour estis novaĵo: grupo de tre famaj veturistoj, kiuj ne rajtis ŝanĝi sian biciklon (en ĝi estis ankaŭ Petit-Breton). La unua etapo, kiel kutime, estis kun antaŭveturistoj kaj kun ili ankaŭ kapnajletoj aperis sur la vojo. Trou-Trou eniris neĝustan vojon kaj rimarkinte tion, baldaŭ turniĝis kaj kvazaŭ flugante preterpasis ĉiujn. Dum la sekvanta tago falis granda pluvo kaj kiam Trou-Trou, Petit-Breton kaj Emile

Georget en rapidega finveturo interbatalis, ili ŝanĝiĝis je nerekoneblaj kotuloj. Per tubodikeco da diferenco venkis Emile antaŭ Trou-Trou, kiu samdistance antaŭis la Argentinanon. Ĉi-lasta faris verajn miraklojn, sed post la celpunkto li svenis kaj estis transportita en malsanulejon. Trou-Trou protestis, asertante, ke li estis la unua, sed nerekonebla pro la koto. La komisiono solvis la problemon klasifikante la tri famulojn „ex aequo", t. e. samtempe alvenintaj.

En la tria etapo ili denove devis surgrimpi Ballon d'Alsace kaj post la morto de Pottier oni donis la plej bonan ŝancon al Georget. Tamen la juna kolosa Francis Faber, ĉi-foje veturante por biciklo-marko, superis ĉiujn kaj aperis unua sur la monto.

(Daŭrigota.)

*M. Benka:*

# Slovaka pentroarto

## I.

La unua artisto, arkitekto kaj skulptisto, estis *Stefano*, kiu finkonstruis la belegan katedralon en Košice (orienta Slovakio). Majstro Stefano konstruis kaj kunlaboris je multaj aliaj konstruaĵoj en Slovakujo. Aliaj majstroj, konataj al ni laŭ baptonomoj, astas: *majstro Orbano, majstro Paŭlo*, ktp. Tiu ĉi majstro Paŭlo fariĝis en la gotikaj tempoj la plej eminenta artisto en Slovakujo. Li en sia perfekta artmetio la unua uzis lokajn elementojn. Oni konis lin laŭ nomo: Majstro Paŭlo el Levoĉa. La gotika altaro en Levoĉa (nord-orienta Slovakujo) estas unu el liaj plej belaj verkoj. Aliaj majstroj ĉi-tempaj restis por ni laŭnome nekonataj ĝis la hodiaŭaj tagoj.

Post la romana, gotika kaj renesanca epokoj en baroka stilo (antaŭ jaro 1640) konserviĝis la plej signifa konstruaĵo: la Universitata preĝejo en urbo Trnava (okcidenta Slovakujo).

La baroka epoko donis al Slovakujo skulptartiston *Johanon Brokov*, aŭtoron de multaj belaj barokaj skulptaĵoj, kies signifo pro la artvaloro de liaj verkoj jam transpaŝis la slovakan landolimon. La plej gravajn skulptaĵojn el la manoj de Brokov oni povas vidi precipe en la t. n. Ĉeĥaj Landoj, en urboj, ĝardenoj, ja ankaŭ en aliaj partoj de Ĉeĥoslovaka Respubliko.

Sur la „Karla Ponto" en Praha oni povas vidi tre belan statuaron,

kiun regas la figuro de sankta Johano el Nepomuk. Tiun ĉi sanktan Johanon, kiel imitaĵon de la Brokova, oni povas vidi diversloke en la Respubliko. Johano Brokov, kiel bona kaj fama skulptisto, estis invitata de diverslandaj nobeloj por labori por ili.

Ankaŭ la filo de Johano Brokov estis tre bona skulptisto, sed li ne atingis la nivelon de sia patro. Al fortaj germanaj influoj artaj kaj naciaj li submetiĝis tiagrade, ke li tute perdiĝis por la nacio kaj slovaka skulptarto.

Por la slovaka pentro-arto unualoke menciinda estas *Jakobo Bohdan*. Kie li edukiĝis en pentro-arto oni ne scias tutcerte, sed estas sciate, ke kiel bona art-pentristo li estis invitita de nobeloj Anglujon kaj tie eĉ al la kortego de reĝino Anna, kie li pentris laŭ deziroj de siaj labordonantoj. Pleje li pentris mort-naturon: florojn, bestetojn kaj aliajn sujetojn de diversaj temoj. Slovako Jakobo Bohdan mortis en Anglujo en jaro 1724. Nur tre malmulte da liaj verkoj oni povas trovi en lia slovaka patrujo. Kvankam per sia arto li servis al aliaj nacioj, ni tamen respektas lin kaj lian arton, ĉar li, Jakobo Bohdan, laboris bone kaj honeste por la arto kaj artkulturo.

En Polujo laboris slovaka artisto *Adamo Maňucký* (Maniucki). Eminenta grafikisto-artisto estis *Georgo Pohroncius*. Menciindaj estas ankaŭ aliaj barokaj pentristoj, nome: *Jakobo Bopovský, Andreo Volucký* kaj *majstro Trtina*, kiujn niaj arthistoriistoj sukcesis trovi en malnovaj libroj kaj arkivoj. Ni esperas, ke post funda traserĉado kaj esplorado de ĉiuj arkivoj oni trovos dokumentojn ankaŭ pri aliaj slovakaj artistoj, al ni ĝis nun nekonataj. (Daŭrigota.)



KOREKTO DE PRESERAROJ.

En la artikolo „Testudo kiel leterportisto“ (paĝo 39) en la tria linio de malsupre anstataŭ „Neniu io en la ĉambro ...“ legu afable: „Neniu *do* en la ĉambro ...“

En la anekdoto „Frua seniluziiĝo“ sur paĝo 47 la lasta vorto de la 5-a linio de malsupre devas esti *male* anstataŭ *inverse*.

Ni petas pri pardono.

## SOMERA KOLEGIO DE ESPERANTO EN SVIT, ALTAJ TATROJ

Loka kleriga Konsilantaro en Svit aranĝos la 5-an ĝis 19-an de aŭgusto 1950 jenajn kursojn kaj societajn entreprenojn:

A. Kurso por komencantoj laŭ la Ĉe-metodo. — B. Kurso por progresintoj. — C. Kurso konversacia. — D. Esperanta seminario (preparkurso por ekzameno pri kapableco instrui). — E. Metodika preparkurso por Ĉe-metodaj instruistoj. — F. Oratora kurso. — G. Ciklo de prelegoj pri esperantologio kaj esperantismo.

*Instruado* ĉiutage 8.30—12.30 en modernaj klasoj de faka elementa lernejo de nacia entrepreno Tatrasvit. Instruos ĉeĥaj kaj slovakaj fakuloj. — *Posttagmeze* societaj amuzentreprenoj, ekskursoj al Altaj Tatroj (Tatr. Lomnica, Skalnaté Pleso, Lomnický Štít, Hrebienok, Štrbské Pleso, Vyšné Hágy k. s.). Vespere dancado en loka kafejo, krome programoj, granda bivaka fajro. — *Tuttaga aŭtoĉara ekskurso* (200 km) dimanĉe la 13. VIII. al Krásna Hôrka, glaciaj grotoj de Dobšiná, stalaktitaj grotoj de Domica (la prezo ne estas enkalkulita en la kurskotizon).

*Kostoj.* Por 14-taga kurso aŭ seminario (ciklo), inkluzive la loĝadon en komuna tranoktejo en pura moderna entreprena lernejo, kun la legitimilo por partopreno de programoj kaj dancado, Kčs 1150.— Alpago por loĝigado en privataj domoj Kčs 150.— Alpago por hotelo Spoločenský dom laŭ hotelaj tarifoj (necesas senprokrasta aliĝo kaj antaŭpago de la diferenco, kiun ni volonte komunikos).

*Manĝado* en loka hotelo. Bonvolu kunporti la nutraĵkuponojn. Prezo de 14-taga manĝado (3-foje tage) Kčs 600—650.

*Pagmaniero.* Samtempe kun la aliĝilo sendu la kotizojn per bianko-ĉeko al ĉekkonto n-ro S-6.377, Tatra banka, Poprad. Ĉar la nombro de kurspartoprenantoj estas limigita, aliĝu rapide. Lasta limdato 10. VII. (post 8. VII. ni ne povos plu prizorgi fervojan rabaton).

*Fervoja vojaĝrabato* 50% surbaze de ferv. legitimilo de hejma stacio, konfirmita de Loka Nacia Komitato, koncerne loĝlokon. Surglui Kčs 10.— impostmarkon. Sendu plej malfrue ĝis la 8. VII.

*Adreso* por aliĝo, korespondado, informpetoj ktp.: Mikuláš Novák, poštstro, SVIT 11, Altaj Tatroj, ČSR.

## PERSONAJ SCIIGOJ

MORTO. Ĵus dum finpresigo de la marta-aprila n-ro de ES, en kiu ni — kun ioma prokrasto — menciis la geedzan jubileon de ges-anoj Amália kaj Alojz D. Kremer, mortis s-anino Amália Kremer post grava malsano la 3-an de aprilo 1950, vivinte 70 jarojn, el kiuj preskaŭ 51 kiel feliĉa edzino.

Niaj bravaj pioniroj A. D. Kremer kaj lia filino Ester perdas en ŝi sinoferan, amantan edzinon kaj patrinon, kaj la movado unu el siaj plej fidelaj aninoj.

Sinceran kondolencon!

---

POLAJ SAMIDEANOJ, ATENTU!

La abonkontizo por ES en Pollando estas nun 500 zł (por 1950). Detalajn informojn donas nia peranto Zd. Glajcar, POZNAŃ 5, Chwiałkowskiego 27/3.

## ANONCETOJ

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm. Apartaj adresoj ne povas esti liverataj).

Mallongigoj: dez. — deziras; kor. — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — tuta mondo; esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto, ktp. — kaj tiel plu; k. s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

F-ino Edita Kollegová, 23-ja, oficistino, BRATISLAVA-Dynamitka, ĈSR-Slovakio, dez. kor. kun. t. m.

S-ano Bedřich Přeliáš, ŠUMBARK 195, Ostravsko. ĈSR, dez. kor. kaj iŝ. il. pk. kun t. m. Respondo certa.

S-ro Ĥristo N. Stefanov, ASENOVGRAD, str. Rečna 36, kaj Jordan Paĉeliev, ASENOVGRAD, str. Marin Drinov 6, 19-jaraj bulgaraj gimnazianoj dez. kor. kun tutmonda junularo.

S-ro Zykmunt Stellmaszyk, juna filmisto, JELENIA GÓRA, ul. Pocztowa 11—12, Kino „Lot“, Pollando, dez. kor. pri filmtemoj kaj iŝ. filmrevuojn kaj filmprogramojn. Respondo garantiata.

S-ro Heinz Heyroth, 20-ja distriktsekretario de junularorganizo „Libera Germana Junularo“ (Freie Deutsche Jugend), (19a) LUTHERSTADT EISLEBEN, Rathenaustrasse 8, Germana Demokrata Respubliko, dez, kor.

F-ino Emiko Kamiya, 17-ja gimnazianino, dez. kor. aŭ iŝ. pm., pk. kaj portretojn kun slovakaj amikinoj. Nepre tuj respondos. Adreso: Kooyamachi 2—11, KUMAMOTO kyoku-kunai, Japanio.

Tri japanaj junuloj dez. kor. kun tutmondaj gekamaradoj pri div. temoj kaj iŝ pm. kaj bildkartojn. Skribu al T. A. Isobe, ĉe Gifu Nacia Sanatorio, Ooiĉo, Ena-gun, GIFU-ken. Certe respondos.

S-ro Josef Kulkus, 20-ja. asistanto de drogejo, MOHELNICE na Moravě, ČSR, dez. amikan korespondadon kun gesinjoroj en t. m., ankaŭ en ČSR.

Mi petas ĉiujn s-anojn en Kroměříž kaj ĉirkaŭaĵo disvastigi E-on kaj fondi grupojn. Skribu al J. Zdráhal, ŠELEŠOVICE 87, Kroměříž.

S-ro Gustáv Rumánek, peltisto, NOVÉ MESTO N/V., ČSR, Slovakio, dez. kor, kun t. m.



**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Turč. Sv. Martin), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—, — Účet Pošt, sporit,: S-9615, Slov, esperantský ústav, Turč. Sv, Martin, — Novin. výplatné pov. (Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: T. S. Martin, ČSR-Slovakio), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: TATRAN (KÚS), T. S. Martin.